2.ª Ep. AÑO VII N.º 39 (175) SEPTIEMBRE-OCTUBRE 1969




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# MIERES KONGRESURBO POR 1970

Urbodomo

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Str. Torre Nueva, 30, 1.° ZARAGOZA
Redacción y Administración:
Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
Director: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ

**Hispana Esperanto Federacio**
**Prezidanto:**
**Dro. Miguel Sancho Izquierdo**
**Str. Torre Nueva, 30, 1.°**
**ZARAGOZA**

**Ĝenerala korespondado:**
**Sekretariino:**
**Inés Gastón**
**P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.**
**ZARAGOZA**

**Monsendoj:**
**Kasistino:**
**María Pilar Gómez**
**Str. Bolonia, 14, 1.°**
**ZARAGOZA**

**Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:**
S-ro. Salvador **Aragay**
Str. Bassegoda, 40, 3 - 1
BARCELONA - 14

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.

Ĉekkonto: n.° 17917, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.



# ✱ VIDA DE LOS GRUPOS

## CURSOS DE ESPERANTO

Después de las *obligadas* vacaciones de verano, todos los Grupos continúan con mayor entusiasmo, si cabe, que en años anteriores, sus actividades en pro de la enseñanza y divulgación de nuestro idioma.

Varios Grupos son los que han anunciado ya sus Cursos de Esperanto; en Barcelona, Bilbao, La Laguna, Madrid, Málaga, Sabadell, Valencia, Valladolid, Villanueva y Geltrú, Zaragoza... y a juzgar por las noticias hasta ahora recibidas, todos ellos con gran afluencia de alumnos.

En números sucesivos iremos dando cuenta de las actividades de los distintos Grupos en particular; de momento informaremos de que en Valencia, en preparación a estos Cursos, se dieron unos cursos rápidos de gramática, que corrieron a cargo de don Vicente Martí Miñana; en Valladolid se han iniciado después de unos actos de divulgación; en Villanueva y Geltrú, los Cursos son verdaderamente esperanzadores, ya que la mayoría de los alumnos son muchachos jóvenes, que son los hombres del porvenir.

Este Grupo de Esperanto "Villanueva y Geltrú", instalado en la Biblioteca Balaguer, desde el mes de octubre celebra sus reuniones en la sede social, los lunes de 8,30 a 9,30 de la tarde.

El Grupo "Diamanto" de Madrid, ha quedado inscrito "oficialmente" en la Federación con el número 2.013.

A todos deseamos mucho éxito en su labor.

## DONATIVOS PARA BOLETIN

| | | *Ptas.* |
|---|---|---|
| | *Suma anterior* ... ... | 10.710 |
| Esperanto Grupo | Mislata | 500 |

Ana María, 5; Vicén, 5; Margarita, 5; Virgilia, 5; Carmen, 5; Milagros, 5; Peña, 5; Isabel, 5; A. M. P., 5; Elisa, 5; Adelita, 5; Ascensión, 5; Josefa, 5; Isabel G., 5; Pili, 5; Rosita, 5; Encarnita, 5; Reme, 5; Amanda, 10; Leopoldo, 10; Terol, 10; Jacinto, 10; Enriquito, 10; Sanchis, 10; Blasco, 10; Catalá, 10; Julio, 10; Pomares, 10; Rafa, 10; Ruz, 10; Lozana, 10; Giménez, 5; Joel, 10; Roque, 5; Forés, 10; Forés (elec.), 10; Alfredo, 5; Tonet, 10; Vilaplana, 15; Vicente, 10; Críspulo, 10; Reig, 10; Maroto, 5; Torregrosa, 5; Ruiz, 5; Santos, 5; Donate, 5; Angelet, 5; Ceas, 15; Albero, 5; Modesto, 25; Roberto, 45; Mateu, 10; Valenzuela, 5; Joaquín, 10; Félix, 10; F. Pérez, 5; Alcantarilla, 5; Soria, 5; Segarra, 5; Eliseo, 5.

| | | |
|---|---|---|
| J. Collado | Barcelona | 100 |
| J. María Serés | Cervera | 373 |
| J. Clariana | Zaragoza | 1.478 |
| J. Benito | Zaragoza | 100 |
| E. Pérez | Zaragoza | 75 |
| Un samideano | | 819 |
| A. Criach | Sabadell | 100 |
| M. G. Díez Díez | Madrid | 1.550 |
| J. Liaño Pacheco | Madrid | 1.550 |

# La Festo de la Esperanta Libro

15 - DECEMBRO

La Universala Kongreso de Esperanto en Danzig, rekomendis al ĉiuj esperantistoj, aĉeti en tiu tago esperantajn librojn, kaj al la Esperanto-Societoj, aranĝi — laŭ iliaj eblecoj — kunvenojn por konigi la staton de nia literaturo kaj elmontri al la societanoj la atingitan progreson. Celo de tiu rekomendo estis antaŭempuŝi la progreson de la Esperanta literaturo, kaj, per tio, honori D-ron Zamenhof en lia naskiĝotago.

Multaj jaroj pasis, la Esperanto-literaturo multobliĝis; multaj ĉefverkoj de naciaj literaturoj jam aperis en Esperanta traduko, kaj la nombro de literaturaj verkoj originale skribitaj en la Internacia Lingvo ĉiam pli kreskas.

Jaro post jaro, mi legas en Esperantaj gazetoj saman rekomendon: La 15-an de decembro estas la festo de la Esperanta libro. Ĉu vi jam pensis kiun libron vi aĉetos?

Por honori D-ron Zamenhof nenio estos pli bona ol helpi la progreson de lia verko ĝis ni atingos la celon, sed, por ĝin atingi estas necese helpi la progreson de la literaturo, ĉu beletra, ĉu filozofia, scienca aŭ faka.

La literaturo estas kvazaŭ la animo de la lingvoj ĉar ĝi elmontras la animon de la popoloj.

En Esperanto estas publikigitaj verkoj por ĉies gustoj.

Libroservo de H.E.F. estas preta servi vin; krom la titoloj envicigitaj en la paĝoj de BOLETIN, ni havas je via dispono multajn pliajn verkojn. Meditu iomete kaj sendu vian libromendon.

*Inés GASTON*

## PROF. D-RO MIGUEL SANCHO IZQUIERDO

DE NUN

HONORA PREZIDANTO DE H. E. F.

La decido nomi D-ron Sancho Izquierdo, Honora Prezidanto de H.E.F. estas vera ĝojo por la federacianoj, kiel evidentiĝis per la unuanima aprobo en nia Ĝenerala Kunsido.

Ĉiam brava en sia spirito, ankoraŭ kuraĝa en sia alta aĝo, klera kaj sindona al ĉio nobla, don Miguel estas personigo de la Zamenhofa Idealo, viva ekzemplo por la sekvantoj, kaj honoro por ni.

*Salvador Gumá*

*Lastaj aliĝintoj:*

| | | |
|---|---|---|
| 276 | Manuel González Hernández | La Laguna |
| 277 | Colegio Oficial de Doctores y Licenciados | La Laguna |
| 278 | María Isabel Sánchez de Bolic | EE. UU. |
| 279 | Juan Calahorra Soler | Madrid |
| 280 | Juan García Pérez | La Laguna |
| 281 | Julio Juárez Sáinz | Bilbao |
| 282 | Elwyn Pollock | Hemet (EE. UU.) |
| 283 | Marie Pollock | Hemet (EE. UU.) |
| 284 | Juan Gironés Casas | Barcelona |

## STATISTIKO

*Provinco Santa Cruz de Tenerife:*

| | |
|---|---|
| La Laguna | 79 |
| Santa Cruz de Tenerife | 18 |
| Icod de los Vinos | 6 |
| Puerto de la Cruz | 4 |
| Garachico | 2 |
| Los Realejos | 1 |
| Santa Cruz de La Palma | 2 |
| Los Llanos de Aridane | 1 |
| | 113 |

*Provinco Las Palmas:*

| | |
|---|---|
| Las Palmas de Gran Canaria | 7 |
| | 7 |

*Hispana Duoninsulo:*

| | |
|---|---|
| Zaragoza | 40 |
| Barcelona | 23 |
| Bilbao | 12 |
| Madrid | 11 |
| Valencia | 9 |
| Sabadell | 9 |
| Alicante | 6 |
| Vigo | 5 |
| Valladolid | 4 |
| Reus | 3 |
| Basauri | 2 |
| Moyá | 2 |
| Pamplona | 1 |
| Jaén | 1 |
| Tarrasa | 1 |
| | 129 |

*Aliaj landoj:*

| | |
|---|---|
| Francujo | 8 |
| Usono | 5 |
| Svislando | 3 |
| Hungarujo | 2 |
| Germanujo | 3 |
| Skotlando | 2 |
| Belgujo | 2 |
| Urugvajo | 2 |
| Ĉeĥoslovakujo | 1 |
| Svedujo | 1 |
| Aŭstrujo | 1 |
| Kanado | 1 |
| Pollando | 1 |
| Jugoslavio | 1 |
| Anglujo | 1 |
| Nederlando | 1 |
| Japanujo | 1 |
| Venezuelo | 1 |
| | 37 |

## RESUME:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Kanariaj Insuloj | 9 lokoj | kun sume | 120 | kongresanoj |
| Hispana Duoninsulo | 15 " | " " | 129 | " |
| Aliaj landoj | 19 landoj | " " | 37 | " |
| | | *Sume* | 286 | kongresanoj |

El tiuj 286 kongresanoj, 284 estis ordinaraj kongresanoj kaj 2 honoraj kongresanoj.

*ANGEL POMBROL*
*Kasisto*



**forpasis...**

# S-ro Francisco Máñez Sánchez

Marchó de esta vida uno de los hombres más buenos y generosos que hemos conocido y uno de los que más trabajaron por la causa esperantista —influido, en gran parte, a mi entender, por ese su natural sentimiento de fraternidad entre todos los hombres—, desde aquellos tiempos en los que en su pueblo natal, Cheste, sembró generosamente la idea que cuajó en el hecho de que los ocho mil de aquellos labradores hablaran, al igual que su lengua nativa, el Esperanto.

En el número de septiembre-octubre de 1964, en el mismo número en el que se daba noticia de nuestro Congreso Jubilar celebrado en Valencia y dentro de la sección "Niaj pioniroj", venía una semblanza de este amigo nuestro, seguida de interviú, a la que nos referimos, pues es a través de sus propias palabras, sencillas y humildes, como se entrevé ese su natural sencillo y atrayente.

Pónense de relieve en aquel artículo los méritos de aquel hombre que le fueron reconocidos al otorgarle la Medalla de Mérito en el Trabajo; de aquel humilde campesino al que recibió el gran Papa Pío XI y el que gozó de la amistad de hombres eminentes.

Pero yo resumiría todo ello en una frase: fue un hombre que dejó huella.

Y un hombre al que Dios habrá ya recompensado el amor con que se volcó hacia los otros hombres.

Descanse en paz nuestro inolvidable amigo.

*MIGUEL SANCHO IZQUIERDO*
*Presidente de la*
*Federación Española de Esperanto*

---

Kiam post lia morto ni akompanis lin en la tombejon, venis en mian memoron la epoko kiam ni ekkonis lin antaŭ pli ol kvardek jaroj. Tiam, por ni, geknaboj, S-ro Máñez estis admirinda persono: Li, sola, lernis la Internacian Lingvon kaj sukcesis esperantistigi tutan vilaĝon!!!

Estas personoj, por kiuj la esperantismo de Cheste ŝajnas kvazaŭ mito.

Ne! La esperantismo de Cheste estis kaj estas realaĵo, kiel manifestiĝis okaze de la enterigo de tiu homo, kiu ekde sia junaĝo sin dediĉis propagandi Esperanton, lingvon kaj ideon.

S-ro Máñez esperantistiĝis je la jaro 1908-a. Tuj kiam li sin sentis kapabla lernigi la lingvon al siaj geamikoj, interesigis ilin pri la ideo de internacia lingvo, komenciĝis kursoj de Esperanto... Multajn kursojn li klarigis; eĉ dimanĉojn li piediris al iu proksima vilaĝo por lernigi Esperanton ĉu al la pastro, ĉu al instruisto aŭ al la kamparanoj. Li, ne estante mem blindulo, regis la brajlan sistemon por legado kaj instruis Esperanton al blinduloj.

Okaze de la Esperanta Infanhelpo por Austrio post la unua mondmilito —pro kio ni ekkonis lin— li estis unu el la ĉefaj kunlaborantoj...

Ĉion ĉi mi rememoris kun tiu grupo de esperantistoj de Cheste, kiuj translokiĝis al Zaragoza por ĉeesti lian enterigon, kaj meti florkronon sur la tombon de tiu ĉi lojala kaj nelacigebla propagandisto, fervora kaj obstinega pioniro de la Esperanto-movado, ne nur en Cheste, sed en la Valencia regiono.

*INES GASTON*

Se nos fue el "hombre bueno" para siempre.

Hace años, se marchó a Zaragoza, por unir su vida a Victoriana Bueno, esperantista activa y noble de corazón, como buena aragonesa. Por eso entonces, no sentimos su pérdida, porque sabíamos que podíamos disponer de él en cualquier apuro, y porque le sabíamos feliz con su esposa y sus nuevos vecinos.

"El hombre bueno" en nuestro pueblo, no es título que se da a cualquiera, por tener buen carácter o ser bondadoso. "Hombre bueno" es el que es justo, leal, sincero, entendido, culto, altruista, etcétera. Y todo esto era Paco Máñez, y por todo esto tenía este título en Cheste.

A él acudían muchos padres para hacer las particiones familiares, para que pusiese orden en disputas entre vecinos; para calmar y unir a algún matrimonio en crisis, y por qué no decirlo, para orientar en problemas sentimentales, a alguna que otra pareja de jóvenes, que también acudían a él en busca de buen consejo. Y no digamos sobre agricultura...

Así, pues, ante cualquier problema se oía decir: "Pues que venga el "hombre bueno" y decida". Y allí estaba Paco Máñez.

Si a esto se une su entrega total a propagar y enseñar el Esperanto, y a dejar constancia de Cheste en el mundo esperantista, creo se puede calcular el enorme sentimiento que nos invade ante su pérdida, como esperantista, como chestano y a mí, sobre todo, como amigo.

Descanse en paz.

*Pura Tamarit*
Cheste, 14 de septiembre de 1969.

**Post la morto de Francisco Máñez**

Tiel grandaj kaj multenombraj estas la meritoj de nia elstara pioniro kaj tiom, ni Chestanaj esperantistoj ŝuldas al li, ke ni deziras —kiel postmortan omaĝon—, esprimi nian dankemon publike.

De ĉiuj estas konata la granda laboro de nia kara forpasinto, por Esperanto. Li, simpla kamparano, en epoko kaj medio ne facila, por sin dediĉi al studado, sukcesis mem instruiĝi; kaj, kio estas pli malfacile, instrui la ceterajn.

Li estis fervora apostolo de nia idealo, entuziasma kaj senlaca propagandisto, kiu dediĉis sian vivon por disvastigi kaj instrui la internacian lingvon plenumante la celon de la neforgesebla Majstro D-ro Zamenhof.

Per lia Esperanta laboro, li konigis nian vilaĝon tra la tuta mondo.

Máñez neniam laciĝis, de la tagiĝo ĝis vespero li laboris kiel kamp-laboristo, kaj tuj reveninte en la vilaĝon, li sin dediĉis al la Esperanto-kursoj; al la organizado de kulturaj aranĝoj. Tial, la Hispana Registaro decidis premii la Esperantan laboron de nia respektata kaj kara amiko kaj majstro per la Ordeno "Bronza Labormedalo".

—S-ro Máñez: Vi enkondukis Esperanton en nian vilaĝon, vi lernigis al ni, ne nur la lingvon, sed ankaŭ, la internan ideon; nun, ni promesas daŭrigi vian laboron en la Grupo "Lum-Radio" de vi fondita, por ke la esperantismo de Cheste estu fekunda grundo por novaj generacioj.

Cheste, 1969.

*Enrique Arnau Prosper*
Prezidanto de la
Grupo "Lum-Radio"

# KIEL TUTA VILAĜO ESPERANTIĜIS

**La septembra sunsubiro estis sufiĉe varmiga kiam Francisko,** rajdante sur sia obeema azeno, revenis, sur la pado, alirante la ŝoseon al Cheste. Lin obsedis sciigo pri nova idiomo, elpensita de pola doktoro, kiu celis solvi la internacian senkomprenecon. Li apenaŭ respondis, per mangesto, la salutojn de siaj kunvilaĝanoj, kiuj, rajdante sur similaj brutoj, rapidis por engluti la merititan vespermanĝon, al kio helpis la hasto de la "solipedoj", altirataj de la dolĉa flaro de la apetitigaj karoboj.

Alveninte en la hejmon, lavinte sin abunde per plena sitelo da akvo, apud la puto, li rapidis ĉe la instruiston por demandi ĉu li povas informi lin pri tiu idiomo. La instruisto ne povis solvi lian deziron, sed konsilis al li sin turni al la kuracisto. Tion li faris, kaj tiu ĉi, vidante lin alveni ĉe la pordo, demandis: "Hola Francisko; ĉu io en malordo? Ĉu kalcitro de via azeno? Ĉu tranĉado per la falĉilo? Kio, do?" —Ne, ne, ne! Dankon! Mi fartas bone, kaj mi ne deziras laborigi vin. Temas pri tute alia afero. Kaj li klarigis al la kuracisto sian demandon. La vilaĝa doktoro pripensis kelkajn sekundojn kaj respondis: "Jes Pako (1), mi legis, antaŭ nelonge, pri tio, kaj en Valencio vi trovos, certe, metodon por tion lerni". Kaj, ŝerceme, li aldonis: "Kiam vi ellernos tion, vi fariĝu mia instruisto, kaj vi esperantistigos la tutan vilaĝon, kaj, el ĉiuj landoj venos personoj por paroli kun vi kaj ni ĉiuj, kaj Cheste fariĝos internacia urbo!" Kaj tion dirinte li ŝultrofrapis, amikece, Franciskon, kaj ridegis je tiu neesperebla realigo.

Sekvintan tagon, Francisko, anstataŭ flegi sian vinberaron, envagoniĝis kaj sin turnis al la librejo konsilita de la kuracisto. Li revenis tuj, per la reira vagonaro, kaj, jam en ĝi, li rifuĝis en kaŝitan angulon por ke neniu ĝenu lin, kaj eklegis la libron. Kia mirindaĵo! Li estis simpla kamparano, sen speciala klereco, sed, lia avideco faciligis al li la lernon.

Unu jaron poste, la ŝerco de la kuracisto fariĝis veraĵo. Francisko instruis la kuraciston, la instruiston, la pastron, la blindulon Gregoro —por tio li lernis la metodon Braille, intence— kaj la preskaŭ tutan vilaĝon.

Diversaj societoj grupigis fraŭlojn, fraŭlinojn, diversklasajn vilaĝanojn, kaj ĉiuj rivalis por atingi plej altan lingvan nivelon.

La simpla kamparano sukcesis fari la "miraklon", kaj por paroli en Esperanto oni bezonis nur sin turni al la unua renkontita preterpasanto en Cheste; ĝi, de tiam, estis vizitata, pro tio, de japanoj, aŭstralianoj, svedoj, amerikanoj, k.t.p.

Sed, ĉar Esperanto ne estas simpla hobio, sed interfrata komprenilo, eksciinte pri la malsato kiu regis en Aŭstrujo, post la eŭropa milito, li entuziasme kaj efike kunlaboris en la bonfara entrepreno "Esperanta Infanhelpo" por Aŭstrujo.

Li disdonis dekkvar infanojn inter diversaj esperantistaj familioj en Cheste. Kompreneble, li gardis por si la plej malfortan...

En 1927, en la kongreso de Madrido, oni petis por li la Medalon al la Laboro, kiun oni surmetis al li en la sekvinta kongreso, en Sevilla.

Ĉiuj gloroj kunportas malagrablaĵojn, kaj Máñez suferis kvanton da ili. Sed li sukcesis elmerĝi, kaj li havis la aprezon kaj la konsideron de ĉiuj, senescepte, ne nur pro la esperantistigo de Cheste, sed, pli, pro sia honesteco kaj bonfaremo, ligataj al la plej puraj esencoj de esperantismo.

Eble, la plej granda premio kiun li ricevis estis la edziĝo al Victoriana Bueno, modela esperantistino, kiu agrabligis liajn postajn jarojn.

La ĉeesto al la Universala Kongreso en Madrido, en 1968, estis sia lasta apero ĉe la esperantistaro. Ni ĉiuj divenis, laŭ lia aspekto, ke la vivo ne estus longa al li... La 31-an de aŭgusto ĉijara, la vigla pioniro, la malavara bonfarinto, forpasis! Morna tago por Cheste. Morna tago por ĉiuj esperantistoj!

*RAFAEL HERRERO*
*Valencia*

(1) Paco en hisp. = Francisko, en karesa maniero.

# NE PLU INTER NI

Kiam ni ricevis la malĝojigan sciigon, ni ne povis ne pensi, kiam je la jaro 1951-a, S-ro Francisco Máñez translokiĝis al Zaragoza kaj aliĝis al FRATECO. Ĉiutage li venis en la klubon ĉu por klarigi kursojn de Esperanto, ĉu por interbabili —ĉiam en Esperanto—, precipe kun la gejunuloj, aŭ por kuraĝigi kaj helpi la komencantojn kiam ili ekkorespondadis. Li rakontis al ni kiamaniere li lernis Esperanton kaj sukcesigis ke en Cheste, kie li naskiĝis kaj loĝis ĝis sia eklogo ĉe ni, ĉiuj vilaĝanoj —de la infanoj ĝis la maljunuloj—, pli malpli bone interkompreniĝu en Esperanto kiam eksterlandanoj vizitis la urbeton...

Por pli bone prezenti nian karan amikon kaj kunsocietanon, ni transkribos partojn de artikolo verkita de li je la jaro 1958, okaze de la Oraj Jubileoj, lia, kaj de FRATECO.

## «NIA ORA JUBILEO»

Al mi oni proponis, ke mi verku ion por "Nia Vivo". Kvankam mi timas malbeligi tiun broŝuron, pro mia manko de verkista talento, mi tamen tre plezure obeas la dezirojn de la organizintoj, ĉar mi kredas, ke ĉiuj esperantistoj devas fari sian eblon discipline kaj lojale por plej baldaŭ akceli la triumfon de Esperanto.

En Cheste (Valencio), la jaron 1888 —an mi naskiĝis, filo de neriĉaj terkulturistoj. En miaj unuaj jaroj, mia patro kripliĝis kaj mia patrino freneziĝis. Dekjarulo, mi devis jam forlasi la vilaĝan lernejon por ĉiutage labori en la kamparo, helpante tiel mian familion. La jaron 1908-an mia patro mortis; kaj, pro tiu malfeliĉa kaŭzo, mi nepre devis estri la familion, inklusive mian frenezan patrinon. En la sama jaro, mi komencis lerni Esperanton. Certe, nenion mi sciis tiam pri Esperanto, eĉ nek pri ĝia ekzisto, sed amiko mia rakontis al mi, ke li legis gazetan raporton pri tiu lingvo, ĝiaj avantaĵoj kaj ebloj. De tiam ekokupis mian koron la Interna Ideo, kaj mi komencis revi pri tutmonda lingvo, pri homara familia rondo kaj amo tuthoma. Kompreneble, tio estis nur knabaj revoj, sed ili profunde gravuriĝis por ĉiam interne de mia koro.

En Valencio, mi aĉetis en librejo de amiko mia gramatikon de Esperanto kaj anglan gazeton en la internacia lingvo. Mi renkontis valenciajn esperantistojn, kun kiuj mi plezure interrilatis. Tiam mi ekkorespondis kun fremdaj gesamideanoj kaj, depost tiu tempo, mi jam konsideris min esperantisto. Decidinte instrui Esperanton en mia vilaĝo Cheste, mi portis miajn internaciajn korespondaĵojn al la ĉefa kafejo de la vilaĝo, por tiamaniere veki la intereson de miaj samvilaĝanoj. Ilia scivolemo baldaŭ kreskis per la vidado de multaj leteroj kaj poŝtkartoj, venintaj el foraj landoj kaj adresitaj al mi, simpla kamparano. Al multaj min demandintaj pri tio, mi tre ĝoje klarigis la aferon kaj ili estis miaj unuaj lernantoj.

La afero vere sukcesis, la nombro da lernantoj ĉiam pli kaj pli kreskis kaj, rezulte de tio, nova Esperanto-klubo naskiĝis. Sed en la jaro 1914-a eksplodis la tiel nomata eŭropa milito, kiu tiun mian laboron ruinigis. Ne strange, ĉar la milito ĉiam estas terura malamiko de pacaj movadoj, kiel Esperanto. Finfine, la sopirata paco, ekbrilis kaj mi rekomencis la laboron kun novaj lernantoj, tre bonŝance, ĉar aliĝis al la movado novaj pioniroj. Ni ĉiuj kune sukcesis instrui pri Esperanto, pli aŭ malpli bone, preskaŭ la tutan loĝantaron de Cheste. Samtempe ni organizis ekskursojn, festojn kaj prelegojn; ni vizitis aliajn urbetojn, por propagandi, kaj en diversaj lokoj fondis novajn klubojn, ĉeestis la naciajn kongresojn, k.t.p. Dum la 7-a Nacia Kongreso, en Sevilla, la jaron 1928-an, Lia Princa Moŝto, la Generalo Karolo de Borbón, metis sur mian bruston la Ordenon de la Laboro, kiun mi ricevis kun granda emocio.

En 1918-a, post la militfino, kelkaj landoj suferis teruran malsaton. En 1920-a mi, kaj supozeble, ĉiuj delegitoj de U.E.A. ricevis de la esperantistoj en Graz (Aŭstrujo) korŝiran cirkuleron, en kiu ili petis urĝan helpon por la aŭstraj infanoj, senkulpaj viktimoj de la milito. La samideanoj de tiu urbo petis, ke ni gastigu en Hispanujo tiujn etajn malfeliĉulojn. Kelkaj el ni tuj respondis, promesante helpon laŭ nia eblo...

........................................

Por akompani la lastan ekspedicion de infanoj, revene al ilia patrujo, estis elektitaj: Pastro Casanovas, Jacinto Comella, Karl Bartel kaj mi.

Kiel en ĉiuj gravaj aferoj, ni tiam devis multe labori kaj suferi, ĝis feliĉe ni plenumis nian taskon. Tamen, tre granda estis nia rekompenco, ĉar per tiu entrepreno mi konis multajn tre bonajn geamikojn, kaj ankaŭ ĉar ni la hispanoj akompanintaj, dum nia reveno hejmen, estis akceptataj en privata aŭdienco de Lia Papa Moŝto Pio XI.

........................................

Post tiuj paragrafoj de lia artikolo, al ni nur restas deziri PACAN RIPOZON AL LI!!!



## FILM-BIOGRAFIO PRI GANDHI DONACITA AL UNESKO

Ekzempleron de 5,5-hora film-biografio pri Gandhi —titolita simple "Mahatmo"— lastatempe donacis al Unesko D-ro R. R. Siwakar, sekretario de la Hinda Nacia Komisiono por la Gandhia Centjaro. Akceptante la 14 kronologiajn scenarojn, kiuj konsistigas la biografion, la aganta Ĝenerala Direktoro, D-ro Malcolm S. Adiseshiah, deklaris, ke Unesko tre alte taksas la donacon kaj aranĝos specialajn prezentadojn de la filmo.

La filmo —kompilita el fontmaterialo elektita el 20.000 fotoj, 30.000 leteroj, 100.000 filmeroj el la tuta mondo kaj 50 horoj da voĉaj surbendigoj— ĝis nun riceveblas de la Hinda Nacia Komisiono por la Gandhia Centjaro en sep hindaj lingvoj kaj la angla. Oni pretigas krome francan kaj germanan tekstojn.

## PLI TRAFA SCIENC-INSTRUO EN DELHI

Oni funde revizios kaj modernigos la instruadon pri natur-sciencoj kaj matematiko en la elementaj kaj mezaj lernejoj de la hinda ŝtato Delhi, laŭ rekomendoj de uneskaj konsilistoj kaj de la Nacia Konsilo por Esploro kaj Trejnado pri Pedagogio. Tiel oni faros la unuan etapon de projekto, kiu fine tuŝos ĉiujn hindajn lernejojn. La plibonigitaj instruplanoj kaj metodiko efektive jam enkondukiĝas en elektitajn lernejojn de aliaj ŝtatoj, sed Delhi estas la unua ŝtato, kiu vaste efektivigas la eksperimenton.

La Kleriga Direkcio de Delhi projektas elspezi ĉi-jare preskaŭ milionon da rupioj (ĉ. 90.000 uson. dol.) por sisteme plibonigi mezajn lernejojn, kun aparta emfazo al praktika laboro pri scienco kaj al komprenigo de matematikaj problemoj per pruvoj kaj demonstroj. Malmultekostajn scienc-ekipaĵojn, sufiĉe kompaktajn por surbicikla portado, ellaboris la metiejoj de la Konsilo, por ebligi praktikajn demonstrojn en klasoj pri fiziko, kemio kaj biologio. Novaj lernolibroj kaj instruistaj gvidlibroj estas ankaŭ preparitaj.

Ankaŭ por la elementaj lernejoj oni preparis novajn gvidlibrojn, kiuj priskribas por instruistoj la novajn instrumetodojn, kaj oni jam okazigas dumservajn kursojn por elementaj instruistoj.

## AMERIKAJ PLANTOJ NUTRAS AFRIKON

Preskaŭ 30 centonoj el la plantoj, kiuj nuntempe kreskas en Afriko, origine venis el la amerika kontinento per sklavoŝipoj, laŭ raporto en la gazeto de la Monda San-Organizo. Inter la plej utilaj el tiuj "enmigrintoj" estas kasavoj, maizoj, ignamoj, terpomoj, ananasoj, artiŝokoj, heliantoj, tomatoj, vaniloj, kakaoarboj kaj kokosoj.

## FRONTE LA PROBLEMOJN DE LIBROMANKO EN AFRIKO

Afriko nuntempe suferas pro akuta manko de libroj. Pluraj afrikaj landoj tute ne havas eldonejojn. Almenaŭ unu eĉ ne havas publikan bibliotekon. Nur naŭ landoj produktas librojn nacilingvajn. En Afriko oni eldonas ĉiujare nur po ses verkojn por ĉiu miliono da personoj: en Eŭropo, po 418. La ĉefaj eldonantaj landoj konsumas relative al la loĝantaro 135-oble pli da libroj, ol la landoj de Afriko.

Antaŭ tia fono, Unesko okazigis lastjare en Accra (Gano) konferencon pri disvolvo de eldonado en Afriko, enkadre de vasta projekto por helpi al evoluantaj landoj ekspluati la frapajn progresojn ĉe presa, eldona kaj distribua teknikoj, kiuj ebligas vastskalan produkton kaj distribuon de altkvalitaj libroj je malalta prezo.

## ROMKATOLIKOJ PLI FORTE KONTRAŬOS ANALFABETECON

La Papa Komisiono por Justeco kaj Paco lastatempe starigis subkomisionon, sub prezido de la Ĉefepiskopo de Bahia (Brazilo), por kunordigi kaj akceli la laborojn de la romkatolika eklezio rilate la bazan edukadon de analfabetoj tra la mondo. Papo Paŭlo VI akcentis, ke ĉi tiun ekpaŝon oni faris responde apelon de la Ĝenerala Direktoro de Unesko. (Laŭ Unesko-Novaĵaj kaj Informa servo de U.E.A.)

# ESPERANTISTA RENKONTIĜO EN CHESTE



Kronado de la steleo de D-ro Zamenhof en Cheste

La unuan de junio, la valencia regiona esperantistaro, al kiu kuniĝis tre estiminda grupo de katalunaj samideanoj, gvidataj de S-ro Ludoviko Hernández Izal, renkontiĝis en Cheste, la fama verda urbeto.

Plena granda aŭtobuso kaj pluraj privataj aŭtomobiloj transportis al Cheste pli ol duoncenton da entuziasmaj esperantistoj, kiuj, tie, renkontiĝis kun la tieaj kaj tiuj de aliaj urbetoj.

La liberaera matenmanĝo, ĉe la ravino, estis tre ĝojiga. De tie, ĉiuj translokiĝis al la urbodomo, kie la urbestro, S-ro Balaguer, akceptis tre ĝentile la kunvenintojn.

D-ro Herrero faris la malferman saluton kaj, per mallongaj frazoj, elstarigis la signifon de Cheste por la tutmonda esperantistaro, kaj la ŝuldon de dankemo kiun ĉiuj devas esprimi al Francisko Máñez kaj al la ceteraj pioniroj kiuj enkondukis Esperanton en Cheste.

Sekve, li legis la nomojn de la kursanoj premiitaj. Unuajn premiojn gajnis F-inoj Beatriz Ponce kaj María Cruz Mañero; aliaj ses lernantoj trafis diversajn premiojn; ĉiuj estis tre aplaŭdataj.

Poste, D-ro Herrero legis la premiitan poeziaĵon "Cheste Esperantista", kiu, ankaŭ estis tre aplaŭdata. La aŭtoro estas sam. Riera Ferrer, el Barcelono.

Tre estimindajn salutparoladojn faris la Prezidanto de la Grupo de Cheste, S-ro Enrique Arnau, la Prezidanto de la Grupo de Valencia, S-ro Johano Devís, kaj nome de la ĉeestantaj katalunoj, S-ro Ludoviko Hernández Izal kaj S-ro Mario Jordana.

Finante ĉion, la Urbestro de Cheste, S-ro Balaguer, per tre inspiritaj frazoj klarigis la dankemon de la loĝantoj de Cheste al la iniciatintoj de la esperanta movado en sia urbeto, kaj nun, al la rekontiĝantoj kiuj bone taksas iliajn meritojn. Li promesis daŭre favori la disvolviĝon de la movado.

Poste, pli ol cento da samideanoj partoprenis la iron al la strato ornamita per la steleo de D-ro Zamenhof. Dum kantado de "La Espero", oni kronis ĝin per laŭrokrono, kaj unuanime oni vivuis Esperanton kaj ĝian gloran Aŭtoron.

Frata kunmanĝado en centra restoracio finis la partojn de tiu Renkontiĝo kiu rivigligis la esperantan fajron en la valencia regiono.

Antaŭ ol disiĝi, multaj, el la partoprenintoj vizitis la preskaŭ finitajn konstruaĵojn de la Labora Universitato de Cheste, grandioza ŝtata entrepreno por antaŭenpuŝi la klerigadon de la laboristaro.

# MIERES

S. M. Ardura

La okazigo de la 30-a Hispana Esperanto Kongreso en Mieres, kuraĝigas min por skribi kelkajn vortojn per kiuj mi prezentu al vi nian urbeton, kiu sin sentas honorigita pro la okazigo en ĝi de tiu Kongreso.

Multaj hispanaj esperantistoj, plej eble, konas ĝin, sed, ni esperas la partoprenon en la kongreso de ankaŭ eksterlandaj esperantistoj. Al tiuj, kaj al la hispanoj ne konantaj Asturias, mi dediĉas ĉi tiujn liniojn, kun la peto ke ili pardonu se en ili estas tro da eraroj.

Nun, unuafoje mi skribas por BOLETIN.

Mieres situas sur la meza parto de Asturias, je 40 Km de la regiono León kaj 50 Km de la marbordo. Ĝi estas ĉirkaŭita de montoj, kies alteco sur la marnivelo estas jena:

Monto "Gua" 637 m. je la norda parto de la urbo; sude, montoj "Texeide" 1.081 m., kaj "Navaliego" 1.106 m.; oriente, monto "Polio" 1.046 m., kaj, okcidente, montoj "Osorio" 1.100 m. kaj "Roiles" 689 m.; la alteco de la urbo sur la marnivelo estas 206,40 m.

La kompleta nomo de la urbo estas "Mieres de la Vojo" ĉar ĝi situas sur la "Vojo al Santiago".

La tersurfaco de la urbo, en kiu loĝas 25.000 personoj, estas 135.183 m-2, kaj, tiu de la komunumo estas 144.750 km-2, la komunumo enkalkulas 80.000 loĝantojn. Ĝi estas banata de la riveretoj "Caudal", "San Juan", "Piñera" kaj "Duró", kies akvo estas nigra pro la karbo; pro kio en ili ne vivas fiŝoj.

Mieres enhavas belajn paralelajn stratojn kun pluraj kinejoj, bibliotekoj, kluboj, parko, ĝardenoj, sportejo, naĝejo, k.c.

En Mieres, kie multe oni ŝatas muzikon, estas du ĥoroj, bona muzikistaro kaj virina ĥoro.

En ĝia komunumo troviĝas pluraj kaj gravaj karbo kaj hidrargo minoj. La urbo Mieres estas konata pro sia granda uzino, kies produktoj estas fero, ŝtalo kaj fandaĵoj; kaj, ankaŭ tiuj eltirataj el la karbo kiel benzolo, gudro, kreozoto, amonika sulfato, naftalino, k.c.

En Mieres ankaŭ ekzistas pluraj gravaj firmoj de diversaj produktoj.



Montoj kun belegaj vidaĵoj kaj verdaj herbejoj ĉirkaŭas nian urbon

# Tra la Baltaj Landoj, kun Esperanto



Antaŭ la Baden Powell monumento en Londono

Dum la monato julio mi faris interesan vojaĝon tra la Balta Maro. Mi iris kune kun mia edzino, iama estona esperantistino, kaj miaj tri gefiloj, denaskaj esperantistoj. La ĉefa celo de nia vojaĝo estis renkonti nian estonan familion, kiun mia edzino de antaŭ 32 jaroj ne vidis. Por la vojaĝo ni uzis la servon de la krozŝipo "Cabo de San Vicente", de la hispana kompanio Ibarra. Ni volis ankaŭ sperti ke pere de Esperanto ni povas sukcesi aranĝi multe pli interesan vizitadon ol la normalaj pasaĝeroj de la ŝipo.

Nia unua halto estis Londono. Tie atendis nin du malnovaj, fidelaj amikoj: S-ro Douglas F. Murphy, prezidanto de la Skolta Esperantista Ligo kaj S-ro Lt. Col. Douglas Davis, iama skoltestro, nun grava persono en la londona vivo. Nia renkonto efektiviĝis en la Baden Powell House, internacia hejmo de tutmondaj skoltoj. Ni vizitis la Skoltan Muzeon, vere unikan.

Nia vizito al la urbego akompanate de niaj ĉarmaj amikoj estis vere lerniga kaj interesega. Ili estas bonegaj parolantoj kaj estis vera ĝuo kun ili konversacii en flua, belsona Esperanto. Interesega estis la vespermanĝo en la restoracio de la GPO-Turo, situanta ĉ. 300 mt. alte kaj konstante rondiranta, tiel ke oni povis oportune rigardi la panoramon de la tuta urbo ne bezonante movi sin de la seĝo. Unukompleta turno okazas ĉiun duonhoron.

Sekvanta vizito estis Kopenhago. La karaj gesamideanoj Poul kaj Roma Thorsen atendis nin en la haveno. Kune kun ili ni vizitis la hejmon de S-ro Gustav Kühlmann, kie ni estis delikate akceptitaj. En lia hejmo, en lia ĝardeno, ni pasigis agrablajn momentojn babilante pri la lasta U.E.A.-Kongreso okazinta en Madrido, tiom sukcese. Liaj edzino kaj filino, bonegaj esperantistinoj, multe kontribuis ĉarmigi la agrablan kunvenon. Ni multe promenis en la urbo tra la famaj kanaloj kaj nepre ni ankaŭ vizitis la parkon TIVOLI ĝuante la unikan etoson tie regantan. Kun ĉagreno ni adiaŭis la belan urbon kaj la fidelajn geamikojn.

Surprize kora estis la akcepto de la polaj esperantistoj en Gdynia. Ili amase atendis nin en la haveno, antaŭ la ŝipo, kun flirtanta, granda esp. flago, kio kreis kortuŝan etoson al la renkonto. Ili estis tre ĉarmaj kaj regalis nin per floroj kun la naciaj koloroj. Daŭre ili akompanadis nin dum la vizito al la urbo post kio ni sidis en agrabla rondo por trinki kafon, altirante la atenton de la publiko pro la tre gaja kaj amikeca sinteno. Vere tre praktika elmontro de la vera vojo al la paco inter la popoloj! En la klubejo de la lokaj esperantistoj ni prezentis kelkajn filmojn pri Hispanujo kun granda sukceso. Ni devis subskribi ilian Oran Libron kiel la unuaj hispanaj esperantistoj kiuj vizitis la ur-

bon kaj kiel rememoron ni ricevis Zamenhofan Medalon, kion ni tre ege dankis.

Sekvontatage ni faris viziton al Sopot kaj Gdánsk, ĉiam akompanate de la frataj gesamideanoj. En Gdánsk okazis kunveno de la lokaj esperantistoj kaj oni regalis nin per lunĉo. Ni denove prezentis filmojn kaj diapozitivojn kaj ekestis amuza vespero kun muzika koncerto. Okazis intervjuo por la Pola Radio, fare de S-ro Jozefo Toczyski, komitatano de U.E.A. Li aludis la komunan laboron de ni ambaŭ faritan, antaŭ multaj jaroj, en la kampo de Esperantismo kaj Skoltismo. La bela vespero finiĝis per interesega vizito al la ĉefaj monumentoj de Gdánsk, nokte, bele lumigitaj.

Denove tra la Balta Maro ni atingis la urbon Riga, kie same atendis nin la loka esperantistaro, gvidate de S-ro Kärlis Dzintars. Tie ni havis la ĝojon renkonti la fratinojn de mia edzino, kiuj speciale venis tien por renkonti nin. La vizitado en la urbo kaj ĉirkaŭa kamparo tre ege plaĉis al ni, ĉefe en Sigulda. La mezepoka kvartalo en la urbo Riga estas vera juvelo.

En Leningrado pluvis monotone kiam nia ŝipo alvenis, frumatene. Tamen lokaj esperantistoj atendis nin gvidate de S-ro Podkaminer kaj ili multe helpis dum la unuaj momentoj, kiam ni estis iom embarasitaj pro la prokrastita alveno de niaj familianoj. Montriĝis kiel valora estas la kamaradeca sinteno de la esperantistoj. Dank' al ili ni povis retrovi nian familion en la grandega urbo.

Speciale kora estis la renkontiĝo kun la granda parto de nia estona familio, kiu venis per speciala aŭtobuso por kune travivi tri emociajn tagojn en Leningrado. Inter ili estis ankaŭ esperantistoj. Nia Babel-turo konsistis el ses lingvoj kiujn ni uzis en la diversaj konversacioj inter ni.

Ni vizitis ĉefajn vidindaĵojn, kiel Hermitage, Petrodvorest, Peterhof, St. Isaac-templo, kanaloj kaj parkoj. Vere grandioza urbo.

En Stockholm atendis nin pluraj esp. amikoj. Ili fervore laboris por agrabligi nian restadon en la ĉarma urbo. Vizitoj okazis al diversaj lokoj, sed plej ĉefe al Skansen kaj Karl Milles-Muzeo. En diversaj hejmoj ni estis kore akceptitaj. Kun bedaŭro ni forlasis la belan urbon por veni al Hamburg, kie ankaŭ Esperanto havis siajn reprezentantojn je nia dispono.

Nian specialan dankon al S-ro Peter Weide kiu sindone oferis sian tutan tempon por konduki nin tra la interesaj vidindaĵoj. La urbo febre kreskas malgraŭ la grandaj damaĝoj de la milito. Bela futuro estas en perspektivo.

Botanika Ĝardeno kaj Best-ĝardeno forte altiris nian atenton. Same la nokta koncerto per akva orgeno, riĉa je lumo kaj koloroj.

Nia veturado finiĝis en Bilbao. Inter la kunvojaĝantoj vekiĝis admiro al la forta povo de Esperanto kiu tiel kore ligas la homojn. Pluraj montris sian intereson por la lingvo kaj mi povis interesan propagandon fari. Ni esperu ke tiuj semoj ne perdiĝis.

*Pedro Marqueta*
Zaragoza.

## NUEVA CALLE DE ESPERANTO

Esta vez es Villanueva y Geltrú (Barcelona), donde en breve se inaugurará la nueva calle ESPERANTO.

Nuestro agradecimiento al Ayuntamiento de Villanueva, y nuestra más cordial felicitación al Esperanto-Grupo "Villanueva y Geltrú" que tan competentemente dirige el R. P. José María Claramunt Sch. P., por el éxito alcanzado en sus gestiones.

¡¡¡Buena labor, da buen fruto!!!

# AL LA HISPANAJ ESPERANTISTAJ GEINSTRUISTOJ

*La Lerneja Jaro* 1969/1970 *komenciĝis...*

*Antaŭ mi, la letercirkulero de S-ro Helmut Sonnabend, datumita la* 25*-an de oktobro* 1968 *kaj nova demandaro por la Jaro* 1968/1969.

*Kiam je la fino de aprilo, ni ricevis ekzemplerojn de tiu demandaro, mi dissendis ilin al hispanaj esperantistaj geinstruistoj. Nur unu, resendis ĝin plenumita, alia respondis jene: "La demandaron kiun vi sendis, mi ne povas plenigi, ĉar tie ĉi, malgraŭ la granda kvanto da libroj de Esperanto, de vi senditaj, ĉiu akiras ĝin kiel novaĵo, sed neniu lernas la lingvon.*

*Eble venontjare, mi povos gvidi E.-kurson."*

*La ceteraj ne respondis.*

*Legante malnovajn revuojn, mi legis artikoleton kiu plene apartenas al nia rubriko "ĉiam aktuala", kaj, kiun mi volonte aperigas sur la paĝoj de BOLETIN.*

Estas en nia lando multenombraj geinstruistoj esperantistaj, ser malfeliĉe, ili ne laboras efike, praktike. La plimulto opinias plenumi sian taskon apartenante al la loka grupo, regiona federacio aŭ U.E.A. Ne, karaj kolegoj, tio ne sufiĉas; devo nia estas instrui ĉie kaj ĉiam, kaj ĉie kaj ĉiam paroli pri Esperanto kaj iom post iom varbi novajn adeptojn ĉar nia socia rolo estas tre efika por disvastigi la lingvon inter niaj gelernantoj, kaj ni ne faros tion blinde, aŭtokrate, ĉar ni scias bone la kapablojn de Esperanto por la klerigo kaj ni havas Reĝan Ordonon de la Ministerio de Publika Instruado, per kiu li rajtigas nin instrui Esperanto en lernejoj, institutoj, universitatoj kaj en ceteraj oficialaj instruejoj kaj kvalifikas la Esperanto-scion "Oficiala Merito". Do, ni instruu Esperanton havante la permeson petitan laŭ la ministra decido; ni ludu rolon, kiu ĉefe devas esti nia, kaj ni klunlaboradu sukcese al oficialigo de Esperanto en nia patrujo.

*JOZEFO ARTIGAS*

***Nacia Instruisto** (Huesca)*

*De antaŭ kelkaj monatoj, la estraro de H.E.F., faras demarŝojn por aktualigi la Reĝan Ordonon de la jaro* 1911*-a, kaj se eble, kompletigi ĝin. Ni tre esperas sukcesi en nia entrepreno, por tiam ni ankaŭ esperas ke la Hispanaj Esperantistaj Geinstruistoj estos pretaj plenumi sian taskon.*

*S-ro Sonnabend, en sia letercirkulero, ankaŭ parolas pri konvena fakgazeto por instruistoj. Volonte mi transkribas tiun punkton de la letercirkulero, kiu, tutcerte estas interesa, por vi, kaj, kiun eble, ne ĉiuj konas.*

Certe vi jam konstatis, ke ni instruistoj parolantaj Esperanton posedas nenian konvenan fakgazeton. Se ni samtempe komparas nian situacion kun tiu de la junularo, kiu reprezentiĝas en tre bonega gazeto, tiam ni devas konstati, ke al ni mankas same kvalita gazeto. La planita gazeto devas esti vera internacia gazeto, legata de instruistoj el ĉiuj partoj kaj ŝtatoj de la mondo, kiu ne daŭre enuige raportos pri Esperanto, sed ĝi nur uzos la Internacian Lingvon por ĉiuj gravaj artikoloj pedagogiaj, psikologiaj kaj sociologiaj-mallonge dirite pri la tuta amplekso de nia faka kampo. Ĝi devas esti la plej altnivela gazeto, kiu ĝis nun aperis. Mi volas ebligi, ke gravaj kontribuoj ekzemple el Jugoslavio ankaŭ povos esti legataj en Brazilo kaj inverse. Tia gazeto estus efektive senprecedenco en la tuta mondo. Estus laŭ mia opinio granda stultaĵo, se ni ne uzus la tutan scion kaj fakecon de ni ĉiuj pere de la Internacia Lingvo. La teknikaj antaŭkondicoj estas jam certigitaj: Mi havas eldoniston kaj ankaŭ redaktoron, gravas nur la fakto, ke ni havu sufiĉe da abonantoj, minimume 1.000. Se vi volas aboni, bonvolu skribi sekvantan klarigon:

Mi (antaŭnomo, nomo, strato, urbo, lando) abonas la novan gazeton kaj mi devigas min, esti abonanto por 1 jaro, kaj mi daŭrigos la abonon ankaŭ por la sekvanta jaro, se mi ne malabonos la gazeton tri monatojn antaŭ la fino de la kalendara jaro.

La gazeto aperos dek foje jare, kaj la prezo verŝajne estos 1,— **gm (3 steloj).**



## NEKROLOGOJ

### Enric Gili Montaner

En la lasta pasinta Majo, en Barcelono forpasis kara samideano Enric Gili Montaner, unu el la plej fervoraj veteranoj, esperantisto ekde la jaro 1909, fondinto de la vigla Grupo "Nova Sento".

En tiu epoko kiam en la Grafa Urbo ĉie floradis Grupoj de Esperanto, ĉiam, nia mortinta amiko laboris favore al nia kara idealo de paco kaj amo de nova sento, de Zamehofa doktrino.

Lastatempe, maljuna, en malbona farto, post malapero de tiu memorinda Grupo "Nova Sento" pro malĝojaj cirkonstancoj de la hispana milito, ankoraŭ fidele batis lia koro kaj li ĉeestis esperantajn festojn kaj niajn **Renkontiĝojn.**

Nian profundan kondolencon al lia malfeliĉa familio.

RIPOZON AL LI!

### Hugo Steiner

La 1-an de aŭgusto mortis elstara pioniro de la Esperanto-movado en Aŭstrujo, fondinto de la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno, S-ro Hugo Steiner.

Li havis la plej necesajn kvalitojn por la organiza rolo, kiun li trafe ludis. Lia memoro restos inter la esperantistoj havintaj okazon koni lian laboron.

PACAN RIPOZON AL LI.

## ELDONA FAKO DE H. E. F.

Je la dispono de niaj membroj kaj amikoj ni havas jenan liston de Esperantaĵoj:

Mendu ilin tuj mem:

| | |
|---|---|
| Esperantaj insignoj, rondaj k. stelformaj | 8,— |
| Esperantaj insignoj, glueblaj, rondaj, ovalaj k. stelformaj | 10,— |
| Esteprantaj flagetoj, silkaj k. plastikaj | 10,— |
| Bulkrajonoj 53-a U. K. de Esperanto - Madrid | 15,— |
| Belaj bildkartoj de Madrid k. teksto en E-o. cento, 200 ptj., kvindeko, 125 ptj. deko | 30,— |
| Belaj k. bonkvalitaj Kristnaskaj kartoj | 2,50 |
| Kovertoj kun teksto, Esperanto La Lengua Internacional, deko | 5,— |
| Kovertoj kun teksto, Esperanto Internacia Lingvo, deko | 5,— |
| Insignoj de nia XXIII-a Kongreso | 12,— |
| Insignoj kaj libroj de diversaj Kongresoj | 25,— |
| Flagetoj de diversaj Kongresoj | 12,— |
| Poŝtkartoj de diversaj Kongresoj | 3,— |
| Glumarkoj de diversaj Kongresoj (folieto 6 glm.) | 3,— |
| Glumarkoj de diversaj Kongresoj (folieto 6 glm.) | 2,— |
| Afiŝoj de diversaj Kongresoj | 10,— |
| Insignoj kun teksto: Esperanto parolata | 35,— |
| Dukoloraj glumarkoj (folieto 8 glm.) | 1,50 |
| Dok. CED/7 "Bazaj faktoj..." (hispanlingve) de D-ro Lapenna | 7,— |
| ETERNECO Navarra legendo, de A. Núñez Dubús | 10,— |
| FILOZOFIO DE FANTOMO (W. Fernández Flórez, tr. L. Hernández) | 30,— |
| Boletín extraordinario | 25,— |
| Boletín normal | 15,— |

*Mendoj kaj pago ĉe: Inés Gastón. P.º Marina Moreno,* **35, 4.º,** *dcha.* **ZARAGOZA**

**Fervojista Sekcio de H. E.F.**

**H. E. F. A.**

# INAŬGURO DE NOVA ESPERANTO-KLUBO





Grupo de H.E.F.A.-anoj antaŭ la nova Esperanta Klubo



La pasintan 17-an de septembro la fervojista sekcio de H.E.F. inaŭguris novan Esperanto-klubon en la lokomotivejo Barcelona-Vilanova.

La Prezidanto de H.E.F.A., S-ro Ramón Giménez faris mallongan paroladon sciigante al la ĉeestantoj kial oni inaŭguris la novan sidejon por la fervojista esperantistaro kaj ĝian celon. Li dankis al la estroj de la lokomotivejo pro ilia helpo same morala kiel materiala. La inaŭgurigo de la klubo, kiu estas destinita al la libera uzado kaj vizitado de ĉiuj fervojistoj.

Sekve parolis la estro de la lokomotivejo S-ro Feliciano Martínez kiu laŭdis la laboron faritan de la entuziasmaj samideanoj, kiuj en nur unu semajno tute ŝanĝis la aspekton de tiu preskaŭ forlasita ĉambro kiun ili ricevis. Nun, ĝi aspektas tute alia; farbita, ornamita kaj pura, en ĝi nun oni spiras esperantan etoson. Li ankaŭ laŭdis la rapidan plinombriĝon de la libroj starantaj en la biblioteko kaj petis al la ĉeestantoj, donacon por ke ankoraŭ ilia nombro plialtiĝu.

Finfine la F.I.S.A.I.C.-delegito de Svislando S-ro Hans Bipp, parolis en Esperanto. Li laŭdis la bone organizitan Esperantan sidejon, kaj samtempe dankis al la Estraro la honoron faritan al li, rezervante la taskon malkovri la ŝildon kaj inaŭguri la ejon. Li finis sian paroladon dezirante grandan sukceson en la estonteco de tiu klubo, kaj sekve malkovris la ŝildon inter tondra aplaŭdado, poste li tranĉis la rubandon kun naciaj koloroj, kaj permesis la eniron de la ĉeestantoj en la Esperantan ĉambron.

Post la inaŭguro oni ĉiujn regalis per "Hispana Vino" en apuda granda ĉambro.

Ankaŭ la bone organizitan trinkadon, varme laŭdis la pli ol 200 partoprenantoj. Partoprenis en la inaŭguro la Prezidanto de I.F.E.F., S-ro Joaquín Giessner el Germanujo, la Kapitano de la 4.ª grupo de fervojistaj soldatoj, la Kapitano de la 3.ª sekcio de fervojaj civilaj gardistoj kaj reprezentantoj de la fervojistaj instancoj de la 5.ª Zono de R.E.N.F.E.



Nia prezidanto S-ro. Ramón Giménez



# MALGRANDAJ MALVIRTOJ

Fumi estas konsiderata en nia lando, kiel malgranda malvirto, ĉar en komparo kun kartludo, amoro kaj alkoholo, la danĝero estas pli malgranda aŭ momente nevidebla. En nia generacio la junuloj multe prosperis kaj estas vera escepto vidi junulojn pasie emaj al kartludoj, alkoholo kaj amoro. Ni ĝoju vidi ke la influo de la sportoj, abundege praktikataj, radikale ŝanĝis kutimojn malsanajn, almenaŭ la plej grandajn. Nur restas fortege enradikiĝinta kaj laŭ lastaj simptomoj, ankoraŭ etendiĝanta, la malpura kaj venena kutimo fumi.

Kredeble Vi jam scias ke la unuaj *pipofumantoj* estis la indiĝenoj de Ameriko, kaj post la konkero de tiu Kontinento, la eŭropanoj portis tien ĉi la kutimon imiti la indianojn, ne al iliaj virtoj sed nur al tiu sovaĝa kutimo fari fumon. La angloj havas heroon de tiu epoko de imitado, kiu fariĝis pli populara ol aliaj veraj helpantoj de la homaro, nun jam ne estas oportune daŭrigi tiun popularecon kaj pli konvene mi silentas lian nomon, foje diskutita kaj eble jam tute malŝatata.

Kiam la tiamaj registaroj deziris eviti al siaj popoloj la etendiĝon de tiu malvirto, venis leĝoj multfoje rigoraj, inter kiuj ni povas citi: "La sultano Amural IV-a de Turkio en 1610 ordonis ke la puno por fumantoj estu la senkapigo, kaj poste, la saman punon ordonis la ĉinaj imperiestroj". "La caro Mikaelo Feodorovitch en 1634 publikigis leĝon malpermesante fumi kaj ordonis ke al neobeantoj estu fortranĉata la nazon". Kaj jam sen larkapablo, kial fumi? Finfine "Abbas la Granda, persa imperiestro, decidis ke al fumantoj estu fortranĉata la nazon kaj lipojn".

Aparta ĉapitro venas kiam la tiel nomita "alta societo" trovis elegante meti tabako-pulvoron en la truojn de la nazo, kaj kompreneble ĉar tio signifis la lasta rafinita fasono, en tiu epoko estas abundegaj citaĵoj pri la ĝojo preni "rapé", kaj al tiu kutimo, hodiaŭ tute ridinda, aliĝis kardinaloj, episkopoj kaj aliaj korteganoj, al kiuj neniam mankis belegan skatoleton, plena de pulvorigita bonkvalita tabako. Dum la komenco de la 17-a jarcento kaj ĉiam de Hispanio venis "rapé" kaj por aromigi ĝin estis miksita kun oleo de rozoj kaj konjako. Pastroj entuziasmiĝis, sendube ĉar tiam la ekleziuloj havis malpermeson fumi, sed tio signifis ke tabako estas akceptebla, uzebla malmultdanĝera, kaj la aromo estis la novaĵo de lando mirinde bela, malproksima, fabela, pri kiu ĉiuj rakontis konkeroj kaj trezoroj, do la homamasoj aliĝis al unu aŭ alia formo amuziĝi pere de nia nova planto. La katolika Eklezio, pere de Papo Urbano 8-a en 1642 ordonis malpermeson preni tabakon en la preĝejoj, sed 8 jarojn poste, Inocenco 10-a insistis pri tiu malpermeso, kun anonco ĉe la enirpordoj de la preĝejoj pri ekskomuniko al neobeantoj.

Mildigo al tiu troa rigoreco venis de Anglio, kiu faris leĝon per kiu la pagantoj de speciala imposto rajtis sin venenigi, kaj nun estas mirinde kiel la aliaj registaroj lernis la leccionon, kaj iom post iom akceptis tiun malmoralan solvon.

Ne gravas ke bonaj sciencistoj avertis danĝeron, kaj montris la kemiajn kvalitojn de la tabakofumo, eble ili malriĉuloj ne povas pagi la imposton, aŭ eble ili malfeliĉuloj ne trovas amuzon en la uzado de aromo tiel ŝatata. Eĉ povas esti ke ili estas malprogresemaj kaj kontraŭaj al Ameriko kaj ĉiuj novaĵoj de tie alvenintaj. Ili ne estas emaj al prospero kaj feliĉo de la homaro. Popolo estas la "suvereno" kaj triumfis la popolo, nur mi memoras akuratan diraĵon de sudamerika demokrato kiu nepre deziris EDUKI LA SUVERENON. Neniu konsilo, neniu propagando fariĝis efika kontraŭ la sensenca manio.

Kuracistoj asertis ke "nicotiana tabacum" estas efika kontraŭ la kapdoloroj, miopio, manko de memoro, dentdoloroj, bronkito, tuberkulozo, malbonhumoro, kaj preventilo kontraŭ morbilo, variolo, disenterio, ĥolero, difterio, reŭmatismo, gripo, malario, malvarmumoj... ni povas vidi ke preskaŭ ĉiuj malsanoj estas kuraceblaj per nia "rapé", nur restas unu malsano nomita "pica nasi" inflamo kaŭzita de la troa prenado de "rapé". En ĉiuj tempoj diris la avinoj, ke ĉiuj trouzoj estas malbonaj, kaj jen ni konstatas ke tio estas saĝa konsilo.

Multegaj polemikoj kaj longaj artikoloj por kaj kontraŭ la narkotika planto okazis dum la 17-a jarcento, de kie ni povas preni frazojn kiel: "fumi estas

kvazaŭ seka ebriiĝo", "la D-ro T. Short kulpas la tabakon ĉar ĝi produktas naŭzan buŝ-halazon, sekigas la hepaton, kraĉigas, senapetitigas, senkolorigas la vizaĝon kaj perdigas la kapablon flari, ktp, ktp". Eble la kontraŭuloj havis pli da sorto, ĉar inter ili bonaj poetoj faris mirindajn versaĵojn pri la beleco de tiu ebriiĝo.

En diversaj landoj estis malpermesite fumi post la sunsubiro, pro danĝero de bruligo, en kelkaj lokoj nur estis permesite fumi pipon kiu portis kovrilon super la fajro, kaj en la ŝipoj de Nederlando la maristoj nur povis fumi sur la ferdeko kaj antaŭ la masto. Tute vane. Kredeble nun la plej grandparto de la bruligoj en la arbaroj, en la industrioj kaj eĉ en la militŝipoj, multaj el ili terure gravaj, estas kulpo de kuraĝaj fumantoj.

Sed ni venu jam al nia moderna epoko. *Cigaroj* estas konsumataj de adultuloj, dum cigaredoj pli prefere de junuloj kaj virinoj. Ĉar kronologie rigore la viro aperis la unua en la kreado de la mondo, ni prenas ĉi tiun ordon, kaj unue diros ion pri ili kaj liaj cigaroj.

Unue uzataj en centra kaj suda Ameriko, poste venis en Hispanion kaj finfine etendiĝis kun granda perfektiĝo pro la modernaj industrioj, en la tuta mondo. La cigaredoj jam estis fumataj en sudameriko, nomiĝis tie "paperetoj", kaj la granda industrio gajnis per ili multe da mono en Meksikio, Usono, ktp, sed la etendiĝo en Eŭropo estas nur de antaŭ unu jarcento, unue en Italio kaj Hispanio, kaj poste en la ceteraj landoj.

Neniam en granda kvanto, sed mi konfesas ke mi fumis pipon, cigarojn kaj cigaredojn; estis la tempo de mia juneco, eble tiel stulta kiel la nuna, kaj ĉiuj amikoj preskaŭ senescepte fumis, sed mi memoras la ridindajn mienojn pli teatraj ol malvirtaj, unu ĵetis abundegan fumon tra la naztruoj, alia "fabrikis" rondojn de fumo, sed ĉiuj kun tre arogantaj kaj fieraj sintenoj, ĉar ni estis absolute konvinkitaj ke ni ĝuis la plej altan, dian plezuro. Ho homa vanteco!

Ankaŭ mi konis multegajn kuracistojn kaj plurajn pastrojn kiuj multege fumis, kaj mi pensis ke ili kulpas ke la aliaj, pli mallertaj fidas pri ili. Mi diras: ĉu anstataŭ per dika cigaro en la buŝo diri al malsanulo ke li ne devas fumi, ne estus pli efika konsilo ke li rigardu lin absoluta nefumanto?, kaj la pastro kiu konsilas al kredantoj "forigu la malvirtojn" estas dece ke post malmultaj minutoj ili vidu lin fumanta? Mi lasis fumi pro konsilo de kuracisto KIU NE FUMIS.

Aliaj kredeble ne havas tiun sorton. Unu el miaj plej grandaj ĝojoj estas vidi ke mia filo jam 23 jara malgraŭ mia permeso, propravole decidis ne fumi. Estas antaŭvidebla la epoko kiam la fumantoj estos ridindaj, same kiel nun ni trovas ridinda la manio de la nobeluloj antaŭtempaj, malpurigi la nazotruojn per nigra tabako pulvorigita. Mi firme fidas pri la evolu-kapablo kaj progresemo de la homaro.

Dum lastaj jaroj en Usono estas malpermesitaj anoncetoj pri cigaredoj, kaj tiu registaro prave alarmiĝis ĉar statistikoj montras kiel abunde la grandaj fumantoj akiras pulmokanceron kaj mortas. Mi aŭdis ke anstataŭ propagando por cigaredoj estas postulata atentiga averto al fumanto, pri tio ke li aŭ ŝi eniras en danĝero akiri tiun malsanon.

Amiko mia ĉiama fumanto havis filon kiu studis por kuracisto. Tuj post la lastaj ekzamenoj, estis konsilata al la patro, operacion en la brusto, kaj kiam li kuŝis sur la operacitablo, la kuracistoj vidis ke li nur havis unu solan pulmon, la alia estis malaperinta pro la kancero, kaj tiu restanta jam aperis duonkonsumita, do li mortis nur post du tagojn. Mia patro mem en lastaj malsanetoj havis malfacilon pro astmo, kaj ĉiam antaŭe multege fumis. Rigardu ĉirkaŭen al viaj familianoj kaj amikoj kaj vidu kiel abunda estas la malsano sur la "bonaj" fumantoj. En la plej bona okazo, sklerozo kaj frua maljuneco rapidigas la morton al niaj feliĉuloj.

Intertempe la virinoj, ĝis nun apartigitaj de la nikotino, ĉar la filmoj kaj la dirita sociala vivo havas influon, komencas praktiki la fumadon, kaj tio povas endanĝerigi la pli grandan duonon (kaj pli belan) de la homaro. Ni akiru konscion pri la graveco de la problemo kaj per niaj plej konvinkaj rezonoj diru al junuloj "no hagáis el indio" (ne imitu la indianojn).

*J. E. GUILLEM*

# LIBROSERVO DE H. E. F.

*Romanoj, noveloj, rakontoj*

| | *Ptoj.* |
|---|---|
| Ago kaj reago (Xavier, braz. romano) | 200,— |
| Alia pasinteco, La (Bulthuis, ned. rom.) | 100,— |
| Amara pano (Darvas, hung. kampara rom.) | 75,— |
| Ano de l' ringludo (Simunoviĉ, kroata) | 15,— |
| Antaŭ dumil jaroj (Xavier, braz. rom.) | 300,— |
| Antologio de brazilaj rakontoj, broŝ | 130,— |
| Antologio de portugalaj rakontoj | 76,— |
| Ariel (Rodó, urugvaja rakonto) | 72,— |
| Barbaraj prozajoj (Bertrana, katalunaj nov.) | 15,— |
| Batalo de l' vivo, La (Dickens, ang.) | 70,— |
| Batalo pri la domo Heikkilä (Linnankoski) | 12,— |
| Bill kaj lazuraj okuloj (Orig. novelo infana) | 112,— |
| Bofilino (Karaslavov, bulg. romano) | 152,— |
| Brilo de fantomo (Thoraeus, org. rak.) | 75,— |
| Ĉikonikalifo, La (Babits, hung.) | 30,— |
| Colomba (Mérimée, fr.) | 24,— |
| Ĉe Doktoro (Grgurina, orig.) | 60,— |
| Ĉe la sanktaj akvoj (Heer, svisa) broŝ. 117 ptoj. bind. | 160,— |
| Dekkinga fuĝas (Ádema, ned. romano humura) | 120,— |
| Diablet en la botel' (Stevenson) | 18,— |
| Diablidoj (Bartelmes, orig.) | 15,— |
| D-ro Dorner (Eggerup, orig. romano) | 80,— |
| Don Kiĥoto en Barcelono (Cervantes) | 5,— |
| Du amosentaj noveloj (Storm, Escherich, germana) | 36,— |
| Du majstronoveloj (Storm, germana) | 80,— |
| Du noveloj (Radakoviĉ, orig.) | 12,— |
| Elektitaj noveloj (Turgenev, rusaj) | 15,— |
| Du noveloj (Arkadij Gajdar, rusaj) | 45,— |
| El la "Camera Obscura" (Hildebrand, ned. nov.) | 15,— |
| El la vivo de netaŭgulo (Eichendorf, germ.) | 96,— |
| Fabeloj de Andersen (trad. Zamenhof). | |
| Vol. I - IV | 230,— |
| Vol. III | 78,— |

| | *Ptoj.* |
|---|---|
| Faraono, La (Prus, pola, 3 volumoj) | 360,— |
| Ferio kun la morto (Lindqvist, orig. krim.) | 60,— |
| Filozofio de fantomo (F. Flórez, hisp.) | 30,— |
| Fingro de la diablo, La (Christensen, norv.) | 30,— |
| Firmao de la kato, kiu pikludas (Balzac, fr.) | 15,— |
| Flirto (Lord, angla katolika rak.) | 3,— |
| Forto de l' vero, La (Adi, orig. nov.) | 75,— |
| Freŝa mateno (Kritz, hebrea rom.) | 120,— |
| Granda aventuro, La (Szilágyi, orig.) broŝ. 95 ptj. bind. | 120,— |
| Grasa lignaĵisto (Anonima itala rak.) | 10,— |
| Hon Dat (Anh D., vjetnama romano) | 90,— |
| Hundo Kruso, La (Ballantyne, usona rom.) | 30,— |
| Inter sudo kaj nordo (Szilágyi, orig. noveloj) | 120,— |
| Juneca ardo (Bartelmes, orig.) | 30,— |
| Kanako el Kananam (Linton, orig. rakonto) | 160,— |
| Kapao, La (Akutagawa, jap. rakontoj) | 36,— |
| Karnavalo kaj la somnambulino (Immermann, germ.) | 24,— |
| Kaŭkazaj rakontoj (Lermontov, rusa) | 100,— |
| Kie boacoj vagadas (Salovaara, orig. noveloj) | 75,— |
| Kiel esti amata (Brandys, pola, rak.) | 30,— |
| Kiso de la reĝino (Naĵivin, rusa) | 24,— |
| Kombilo, La (Gabrielli, orig. amnovelo) | 112,— |
| Konscienco riproĉas, La (Strindberg) | 30,— |
| Kvindek fabloj de Ezopo | 22,— |
| 5.000.000 (Grenkamp, orig. humur.) | 39,— |
| Kvin virinoj de amoro (Saikaku, jap.) | 260,— |
| Liliputo (Swift, angla, Gulivero) | 50,— |
| Malprudenta scivolulo, La (El "Don Kiĥoto") | 40,— |
| Malsata ŝtono (Tagore, bengalaj) | 230,— |
| Marta (E. Orzeszko, tr. Zamenhof) | 220,— |
| Mia poŝhorloĝo (Konopnicka, pola) | 30,— |
| Mirinda eliksiro, La (Rosbach, orig.) | 100,— |

| | Ptoj. |
|---|---|
| Mi serĉis oron kaj oleon (Flood, sveda) broŝ. 95 ptj., bind. ... | 120,— |
| Misteroj de l' vivo (Bøgh-Høgsted, danaj nov.) ... ... ... ... ... | 50,— |
| Naŭzo, La (Sartre, franca rom.) | 234,— |
| Nekonatino, La (Muschler, germ. nov.) ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 60,— |
| Normandaj rakontoj (Maupassant, fr.) ... ... ... ... ... ... ... | 115,— |
| Palaco de danĝero, La (Wagnalls, angla rom.) ... ... ... ... | 70,— |
| Papalagoj, La (Paroladoj de oceania tribestro) ... ... ... ... | 40,— |
| Pekoj de l' infaneco (Prus, pola) | 25,— |
| Pli ol fantazio (Bøgh-Høgsted, danaj) ... ... ... ... ... ... ... ... | 75,— |
| Printempo de morto (Zilahy, hung. rom.) broŝ. 95 ptj. bind. | 120,— |
| Rakontoj de Oogai (japanaj) ... | 205,— |
| Rakontu samideano (20 aŭtoroj, orig.) ... ... ... ... ... ... ... ... | 75,— |
| Sageoj kaj rakontoj laŭlonge de l' Rejno, orig. ... ... ... ... ... | 57,— |
| Saltego trans jarmiloj (Forge, orig.) ... ... ... ... ... ... ... ... | 55,— |
| Sango kaj sablo (Blasco Ibáñez, hisp.) ... ... ... ... ... ... ... ... | 80,— |
| Sep fratoj (Kivi, finna rom.) ... | 110,— |
| Sonorilo de Bled, La (Zivanoviĉ, orig.) ... ... ... ... ... ... ... | 76,— |
| Strato de la fiŝanta kato, La (Földes, hungara) ... ... ... ... | 120,— |
| Sub la jugo (Vazov, bulg. romano) ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 200,— |
| Sub la signo de la verda stelo (Rakontoj) ... ... ... ... ... ... | 65,— |
| Sur insulo malproksima (Hemert, ned, rakonto) ... ... ... | 55,— |
| Sveda novelaro (20 modernaj) . | 96,— |
| Ŝipestro rakontas (Lundquist, orig.) broŝ. 75 ptj. bind. ... ... | 120,— |
| Taglaboristoj (H. Kirk, dana) . | 250,— |
| Taglibro de Anne Frank, La. bind. ... ... ... ... ... ... ... ... | 160,— |
| Tiel profunda estas nokto (Risør, dana) ... ... ... ... ... ... | 99,— |
| Tragedio en la universo (Kroata, fantazia) ... ... ... ... ... | 54,— |
| Vartejoj (Bartelmes, orig. romano) ... ... ... ... ... ... ... ... | 30,— |
| Vuk (Fekete, hungara romano pri bestoj) ... ... ... ... ... ... | 110,— |

*Miksita Literaturo*

| | Ptoj. |
|---|---|
| Belarto. Kajeroj I k. II, red. W. Auld, po ... ... ... ... ... ... ... | 40,— |
| El la vivo de Syunkin (Tenizaki) broŝ. 220 ptoj. bind. ... ... | 280,— |
| Homo sur sia vojo, La (Artikoloj, poezio) ... ... ... ... ... ... | 240,— |
| Islandaj pravoĉoj (Rakontoj kaj poemoj) ... ... ... ... ... ... ... | 135,— |
| Kvara rapsodio (Antologieto, red. Szilágyi) ... ... ... ... ... ... | 30,— |
| Mi amis junulinon, broŝ. 108 ptj., bind. ... ... ... ... ... ... ... | 144,— |
| Modesta bukedo (Antologieto, red. Jost) ... ... ... ... ... ... ... | 20,— |
| Tria rapsodio (Antologieto, red. Szilágyi) ... ... ... ... ... ... | 36,— |

*Poezio*

| | Ptoj. |
|---|---|
| Animo prisma (Chaves, orig.) . | 40,— |
| Dia Komedio, La (Dante, it. luksa) ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 720,— |
| Edelvejso (Nisimura, orig.) . ... | 95,— |
| Elektitaj poemoj (Alves, braz.) broŝ. 100 ptj. bind. ... ... ... | 150,— |
| Elektitaj poemoj (To Huu, vjet.) ... ... ... ... ... ... ... ... | 78,— |
| Eterneco (Núñez Dubús, orig. legendo) ... ... ... ... ... ... ... | 10,— |
| Kalevala (Finna nacia epopeo), tolbind. 500 ptj., leda dorso . | 700,— |
| 505 elekt. poemoj el Mannjoo-Ŝuu (jap. ant.) ... ... ... ... ... | 192,— |
| Libro de amo, La (Peneter, org. k. trad.) ... ... ... ... ... ... ... | 348,— |
| Liriko, trezoroj de lirika poezio (García Lorca) ... ... ... ... | 36,— |
| Memkritiko (V. Sadler, orig.) ... | 100,— |
| Ora duopo (Baghy, Kalocsay, orig.) ... ... ... ... ... ... ... ... | 130,— |
| Poeziaĵoj (Tuwin, pola) ... ... ... | 120,— |
| Spegulo homarama (Erkko, finna) ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 20,— |
| Spleno de Parizo, La (Baudelaire, prozpoemoj) ... ... ... ... | 250,— |
| Zejnab kaj Aman (Ĥ. Alimĝan) | 12,— |

*Teatraĵoj*

| | Ptoj. |
|---|---|
| Analfabeto kaj butono (Nuŝiĉ, serbaj) ... ... ... ... ... ... ... ... | 16,— |
| Botistoj, La (Kivi, finna) ... ... | 25,— |
| Ĉe Doktoro (Aleĥem, jida monologo) ... ... ... ... ... ... ... ... | 12,— |
| Dio rekompencu vin (Camargo, braz. komedio) ... ... ... ... ... | 60,— |
| Edelvejso kaj la tri vagabondinoj (Or. skeĉe) ... ... ... ... ... | 60,— |
| Faŭsto (Goethe, germ.) ... ... ... | 136,— |
| Hamleto (Shakespeare, tr. Zamenhof) ... ... ... ... ... ... ... ... | 200,— |
| Ivan la Sesa (Mattos, orig.) ... | 88,— |
| Peer Gynt (Ibsen, norvega) . ... | 160,— |
| Reĝo Lear (Shakespeare, tra. Kalocsay) ... ... ... ... ... ... ... | 330,— |
| Teatro (Assis, braz. komedioj) . | 75,— |
| Tragedio de l' homo, La (Madách, hung.) ... ... ... ... ... ... | 160,— |
| Virino ĉe la landlimo (Boulton, orig.) ... ... ... ... ... ... ... ... | 150,— |

(daŭrigos)

Comenzó el Congreso, como de costumbre, con la "Interkona Vespero", el sábado 26 de julio, en Otaniemi, a 9 Km. del centro de Helsinki en el modernísimo edificio "Dípoli", donde se celebraron casi todos los actos del Congreso y donde se encontraba la "Kongresejo"; un acto muy simpático en el que pudimos saludar a los viejos amigos y en el que a la vez se hacen nuevas amistades.

El domingo 27, a las diez de la mañana, tuvo lugar en el hall de la Feria de Helsinki, engalanada la fachada con banderas esperantistas, la sesión inaugural, presidida por el que lo es de U.E.A. Prof. Dr. Ivo Lapenna, quien saludó a las autoridades y representantes diplomáticos (entre ellos tres embajadores), allí presentes, dando la palabra a continuación al Ministro de Planificación, quien, hablando en Esperanto ,resaltó la importancia de la lengua internacional para aproximar a los pueblos mediante la intercomprensión. El señor Wensing agradeció al Ministro y al gobierno finlandés la ayuda dada al Congreso.

También en Esperanto habló el representante del Alcalde, al que contestó el Vicepresidente de U.E.A., señor Carlen.

Después de dar la bienvenida al nuevo secretario del Congreso señor N. G. Narvala, por el Presidente de U.E.A., desfilaron por el podium los representantes de los diversos Estados, los cuales saludaron al Congreso en nombre de su Gobierno.

Siguió una pausa musical, y acto seguido saludaron los representantes de las asociaciones nacionales, haciéndolo por la Federación Española de Esperanto, el señor don Angel Figuerola.

Finalmente el doctor Ivo Lapenna pronunció un magnífico discurso sobre el "Problema del idioma universal".

Cerró el acto la orquesta de Helsinki, que interpretó "La Espero".

Por la tarde, ese mismo día, en el Salón Zamenhof, en la cercana Escuela Técnica Superior, se inauguró la Universidad Internacional de Verano sustituyendo al rector de la misma, el señor Vilko Setälä, dando la primera conferencia el Prof. Dr. Ivo Lapenna sobre el tema: "Derecho internacional y política mundial", a la que asistieron cerca de 200 personas. En días sucesivos ocuparon la cátedra de dicha Universidad, el Prof. Erkki Kääriäinen, Prof. Italo Chiussi, Mag. Vilko Setälä, Prof. C. Stop-Bowitz, Ing. Simeon Simeonov, Prof. David L. Armand y Dr. Ing. Otón Pancer.

También en la tarde del domingo se celebraron los servicios religiosos. Los católicos tuvimos una Misa en la iglesia de Santa María, totalmente dialogada en Esperanto.

A partir de las siete de la tarde, en el Salón Baghy, en "Dípoli", completamente lleno de congresistas, comenzó la "Finna Vespero", un festival donde pudimos disfrutar oyendo música de compositores finlandeses, ejecutada por el pianista Osmo Sütonen; música popular tocada en el instrumento "kantalo" y por el grupo Kaustinen. Un grupo de jóvenes vestidos con el típico traje lapón cantaron "Joiku", con acompañamiento de guitarra. El coro "Amikaro" cantó en Esperanto, y los amigos de la danza popular de Helsinki y el grupo de baile "Karelia" nos dieron a conocer los típicos bailes finlandeses.

El señor Setälä con emotivas palabras presentó la esencia de la gran epopeya finlandesa "Kalevala".

Resumiendo, fue una agradable velada la que pasamos, haciéndose cortas las tres horas que duró.

Continuando con las manifestaciones artísticas, el martes 29 y el miércoles 30, en el teatro municipal de Helsinki, "La Internacia Arta Teatro" presentó tres cortas obras teatrales: "Vilhelmo la konkeranto", tragicomedia de V. Kljakovic; "Aparta ĉambro", comedia de C. Santelli y "Hotelo" de B. Ĉopié; las tres traducidas por Srĝan Flego.

El jueves 31, en el salón Kabe, en sesión de "libervola teatra prezentado", se presentó la sátira "Sonoriloj" del escritor esloveno Rozman.

El miércoles 30 fue día dedicado a los concursos. Por la mañana en sesión presidida por la señora Emilija Lapenna y con gran asistencia de público se dio a conocer el fallo del jurado del Concurso Literario, leyéndose las obras premiadas.

Por la tarde se celebró el Concurso de Oratoria, bajo la presidencia del señor Roger Bernard. Se presentaron tres candidatos, hablando sobre el tema "Viaje al Cosmos", ante numerosa asistencia. Se adjudicó el primer premio Hans Eichhorn (Alemania) y el segundo, Diccon Masterman (Inglaterra).

Aun cuando todas las excursiones programadas eran muy interesantes, nosotros tomamos parte en la de Lahti, donde visitamos una fábrica de muebles.

El banquete oficial tuvo lugar el lunes 28, en el Salón Baghy, en la "Kongresejo" y a continuación se celebró el baile que duró hasta la madrugada.

El jueves 21 tuvo lugar la recepción oficial del Ayuntamiento, sólo para invitados. El señor Loimaranta, en representación del Alcalde dio la bienvenida a los congresistas, a la que contestó el Dr. Lapenna en nombre del Congreso, para agradecer a las autoridades la amable acogida y ayuda al Congreso.

Durante los días del Congreso celebraron sesiones de trabajo las distintas secciones.

El día 1 por la tarde, en la sala Zamenhof, se celebró la reunión general de U.E.A., bajo la presidencia del señor Carlen y con asistencia de 400 personas de 14 países.

El Comité de U.E.A., como las comisiones designadas por el mismo, tuvieron diversas reuniones a lo largo del Congreso.

Y llegamos a la sesión de clausura del Congreso, que se celebró en el salón Zamenhof de la Escuela Superior Técnica.

El Presidente, Dr. Lapenna, abrió la sesión y propuso en primer lugar enviar telegramas de saludo a los señores Malgrem y Jaumotte, y a Radio Polonia, propuesta que fue aceptada con aplausos.

Seguidamente el Secretario General de U.E.A., dio cuenta de la labor del Congreso y principalmente de la del Comité de U.E.A. y sus comisiones. Por último presentó a la nueva Directiva de U.E.A., señalando la misión que a cada uno le ha sido encomendada.

El Dr. Lapenna propuso enviar un telegrama de saludo al Presidente de la República, Presidente de Honor del Congreso, propuesta que también fue aceptada con aplausos. A continuación se leyeron las resoluciones del Congreso.

En nombre de la delegación japonesa, el señor Y. Umoda hizo entrega de unas bonitas muñecas japonesas al Comité Local y al Secretario Permanente de Congresos de U.E.A.

Siguieron unas emocionadas palabras del señor Mudrak, que invitó al 55.º Congreso Universal en Viena y siguió el emocionante momento en que el Presidente del Comité Local entrega la gran bandera del Congreso al representante del Congreso en Viena.

Y, con el canto de "La Espero" por todos los congresistas, bajo la dirección del señor Dahl, terminó el Congreso.

*María Pilar Sancho*



## ✱ Ni legis por vi...

*CENT HIMNOJ (Kristanaj). Tradukitaj de Hans Amund Rosbach el pluraj lingvoj. 62 paĝoj, prezo 100 ptoj.*

Antaŭ ol malfermi la libron "Cent Himnoj", kiun mi ricevis por recenzo, mi ekdiris al mi: "Jen milda, modesta, serena, serioza libro!" Kaj mi ne eraris. Mia unua impreso estis ĝusta, mia dua estis mira. Tiu miro kreskis ĝis mirego, kiam mi pensis, ke la aŭtoro ne nur tradukis versaĵojn de plej diversa konsisto, sed alfaris ilin al melodioj.

Efektive, kiam oni trovas nuntempe tiom da lingvaj misnovigoj, estas vera ĝuo legi tekstojn centprocente korektajn, malgraŭ tio, ke ili estas tradukitaj versoj. Ke Hans Amund Rosbach majstras la lingvon, jam pruvas lia bela versa antaŭparolo el kiu mi ĉerpas:

"Kaj dum mi kolektis el nia trezoro
mi iris —hezite— al tiu laboro
traduki la himnojn plej karajn ke [l'kanto
de tiuj aŭdiĝu nun en Esperanto".

Li tiris profiton —ĉiam korekte kaj tre klare— el ĉia lingva eblo por rimado. Vidu: Kantu tial... vi kaj mi al; kiu el... al ĉiel'; tretas sur... kapon de l'vipur'; vestis per... hom' sur ter'; gardus se... denove de; k.t.p.

Logis min precipe la 95-a himno "Deus Fortis" de Petter Dass (norvega pastro 1647-1707) konsistanta el 16 strofoj sepversaj, el kiuj kvar estas samrimaj! Jen la unua:

"Sankta Dio, Via nom' kaj gloro
en la mondo brilu en honoro!
kaj en animo
sub ŝarĝ' de timo
de pek' kaj krimo
kun laŭd' sen limo
en koro!"

Kiel mi ĵus diris, sekvas 15 strofoj de simila konsisto. Kredantoj, kristanoj, aĉetu, legu, ĝuu, kantu ĝin. La nekredantoj, nekristanoj, legu kaj ĝuu la netakseblan labormeriton de Hans Amund Rosbach. Poeziamantoj kaj poetoj trovos en "Cent Himnoj" veran lerntrezoron.

Bela prezento, bona preso, klara teksto kun unu sola presraro: Vin *ne* benas, anst. Vin ni benas; en la lasta himno.

En la fino estas listo de aŭtoroj (45) kaj listo de komponistoj kun la titoloj kaj numeroj de la himnoj ,kio faciligas al leganto la trovon de ambaŭ.

*"Kosmo", Revuo de Martinus-Kosmologio. Unua numero 1969. Eldonas Martinus-Instituto. Jara abono, 2 Dol. Esperanto-Sekcio, Mariendalsvej 94-96. Kopenhago F. Danlando.*

La simpatia revuo "Kosmo" reaperas kun riĉa enhavo: Adiaŭ al 1968-a, la jaro de la homaj rajtoj. Kosmo, denove. La principo de reenkarniĝo aŭ elŝanĝo de organismoj. Vivkoncepto kaj Scienco. Natura iniciato. La feria centro Kosmo kaj Intelekta humanismo.

Pri la ekzisto de la Martinus-Kosmologio, la esperantistoj ĝenerale estas jam informitaj per la diversaj eldonaĵoj en Esperanto. Nun, per la Revuo "Kosmo" oni celas pli konstantan kaj pli intiman kontakton kun homoj dezirantaj ekkoni aŭ pli profunde studi la filozofion de Martinus.

Oni povas kredi aŭ ne kredi je la transmorta vivo, aŭ je la reenkarniĝo, kiujn oni eble neniam povos pruvi; tamen, unu fakto estas nekontestebla, nome, ke la doktrino de Martinus estas profunde humanisma. Ĝi celas la homan perfektiĝon, kontraŭas la kruelecon, deziras fratecan kunvivadon. Tio, kaj se eĉ nur tio, larĝe pravigas la reaperon de "Kosmo" al kiu mi deziras plenan sukceson kaj longan vivon.

*Salvador GUMA*

GERMANA DEMOKRATIA RESPUBLIKO. BILDOJ KAJ FAKTOJ. Eldonis: Verlag Zeit im Bild, Dresden. 256 paĝoj. 12 x 19 cm. Prezo: 6,90 markoj.

Okaze de la 20-a jubileo de GDR, la orienta germana ŝtato eldonis tiun libron, en bela tipografia aranĝo kaj kun abundaj kolorfotoj kaj grafikaĵoj. GDR rangas inter la dek unuaj industriaj potencoj de la mondo, kaj la libro, per trarigardo super la aspektoj historia, kultura, ekonomika kaj socia de la lando, informas pri la kialo de ĝia solida pozicio.

La lingvo estas ĝenerale korekta kaj flue legebla, sed en eventuala dua eldono devus malaperi la paralela uzo de "ko-ekzisti" (nerekomendinda) kaj "kunekzisti", kaj ankaŭ aliaj ne multaj malglataĵoj. Gratulojn al la orientgermanaj esperantistoj pro la konscienca laboro plenumita.

*F. de Diego*

# ESPERANTO KAJ SKOLTOJ

De kiam la Generala Sekretario de Skolta Esperantista Ligo sendis al la estraro de H.E.F. siajn letercirkulerojn rilate al la "Adopta Plano", ni, kiuj jam okaze de la Semajno de Internacia Amikeco, interrilatiĝis kun la Skolta Asocio, decidis plenumi la taskon al ni proponita.

Je la jaro 1918, fondiĝis en Britujo la Skolta Esperantista Ligo (S.E.L.), kies gravecon por Esperanta propagando oni povas kompreni sciante ke ĝiaj ĉefaj celoj estas jenaj:

I. Disvastigi la skoltajn idealojn per Esperanto.
II. Disvastigi Esperanton inter skoltoj ĉiulandaj.
III. Krei skoltan literaturon Esperantan.
IV. Eldoni internacian skoltan gazeton.
V. Solidarigi la senton de frateco, kiu estas komuna al ambaŭ movadoj (skolta kaj esperanta) inter la junuloj diversnaciaj.

La skoltoj (Boy-skauts —Exploradores en hispana lingvo), estas organizaĵo disvastigita en ĉiujn landojn civilizitajn. Ĝi konsistas el knaboj gvidataj de maturaĝuloj spertaj, saĝaj, bonanimaj; ili praktikas ĉion utilan por atingi perfektan edukadon, por sin nobligi kaj fortigi siajn korpojn kaj spiritojn, kaj marŝi ĉiam sur firma vojo konscienca al homa perfekteco.

La leĝaro estas sama en ĉiuj landoj, kaj unu el la ordonoj diras: "Skolto estas amiko por ĉiuj, kaj konsideras aliajn skoltojn fratoj sen diferenco pro rango".

Se ili lernus Esperanton, ili povus facile interkorespondadi, interŝanĝi poŝtmarkojn, poŝtkartojn kaj ĉiajn kolektindaĵojn, tre ŝatatajn de la junuloj; kaj ĉio ĉi estas bonega ilo por atingi pli ol amikojn, fratojn en ĉiuj nacioj kaj tiel sukcesigi la idealon de la Institucio ĉar ili, la esperantistaj skoltoj formos la veran PACARMEON.

Mi opinias ke la antaŭaj linioj sufiĉas por ke la esperantistoj komprenus la gravecon de la skolta movado, kaj la skoltoj tiun de Esperanto, ĉar al ambaŭ estas komuna sento interfratiga. Mi rekomendas al ĉiuj esperantistoj enamikiĝi kun la Skoltoj kaj interesigi ĉi tiujn por Esperanto.

Por fini, mi kopias paragrafon aperintan en "La Skolta Mondo", volumo 4, N-ro. 1.

**Memoru: La skoltoj estas nia infanaro, la infanoj nia estonteco. Kaj en la skolta movado ni trovas centmilojn da infanoj kaj junuloj.**

Nun ni havas la eblecon.

Diversaj kaŭzoj malebligis la interkonsentitan viziton de H.E.F. al la Skolestroj ĝis la fino de septembro.

La 30-an de septembro, vespere la Prezidanto de la Hispana Esperanto-Federacio Prof. D-ro Miguel Sancho Izquierdo kaj la Sekretariino F-ino Inés Gastón, akompanataj de S-ro Pedro Marqueta, Nacia Reprezentanto de Skolta Esperantista Ligo, kaj S-roj Emilio Gastón kaj Jaime Benito vizitis la Skoltestrojn por prezenti al ili la novan lernolibron "Ĵamborea Lingvo".

Ili estis tre afable akceptitaj de la Trupestro S-ro Emilio Fondevila

Post la "oficialaj" salutoj, S-ro Fondevila prezentis al la esperantistoj ĉiujn Patrolestrojn de la Trupo de Zaragoza, kiuj ĉeestis la kunsidon.

La Sekretariino de H.E.F. prezentis la libron kaj eksplikis la celon de Esperanto tiel similan al tiu de la skoltoj.

S-ro Fondevila dankis la viziton kaj la librojn; poste li diris: Mi prokrastis vian viziton ĉar mi deziris ke ĉiuj ĉi junuloj povu partopreni en ĝi; nia deziro estas ke same kiel jam en la jaro 1920 la hispana skoltaro akceptis Esperanton por interrilatoj kun fremdaj skoltoj, nun, denove estu atingebla per Esperanto la insignon de interpretisto. Kaj, mi opinias, ke momente, devas esti ĉi tiuj junuloj, kiuj lernu la internacian lingvon, por poste, lernigi ĝin al la infanoj.

S-ro Marqueta parolis al la Skoltoj pri Skolta Esperantista Ligo, rememorigis kiam en la revuoj "La Selva" kaj "Tim" aperis angulo pri S.E.L., rakontis anekdotojn okazintajn dum Ĵamboreoj kaj Internaciaj Tendaroj kiujn partoprenis hispanaj skoltoj, kelkaj el ili sciantaj Esperanton... Tuj sekve la skoltoj, kiuj atente aŭskultis kaj ankaŭ foliumis la librojn, faris konkretajn demandojn pri Esperanto, lingvo kaj ideo, kiujn respondis, laŭ la demando, unu aŭ alia el la esperantistoj. Vigla interparolado daŭris ĝis la deka vespere. Kiam ni disiĝis, ni ne diris "adiaŭ" sed, "ĝis revido".